KVARMONATA, KULTURA KAJ MOVADA REVUO

# La LAMPIRO

49-a jaro n-ro 122 2008



## Dulingva alfabetumado per gvidata memlerno

## La imperiestro de la portugala lingvo

# La LAMPIRO

49-A JARO N-RO 122 2008

*Oficiala Organo de EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 2791-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO KAJ GRAFIKARANĜO:**
Joseo Tenorjo

**REDAKCIO:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**Retpoŝto:** lalampiro@easp.org.br

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2008: R$ 25,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*




# Enhavo



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILFOTO:**
Pastro António Vieira, artverko de Arnold van Westerhout (1651-1725)

# Enkonduko

Karaj Legantoj

Ĉi tiŭ estas la tria kaj lasta numero de La Lampiro , kiu eniras vian hejmon ĉi-jare, alportante la mesaĝon de la sanpaŭla esperantistaro.

En ĝi vi trovos informojn pri la 3-a Kongreso de Esperanto de Ŝtato San-Paŭlo, krom la teksto de prelego de eminenta esperantisto ĉeestinta la kongreson.

Koncerne la restantajn legaĵojn, mi preferas, ke vi, traleginte ĉiujn, prijuĝu ilin. Via kritiko, artikoloj kaj poemoj estas ĉiam benvenaj por plibonigo de la revuo.

Ni dankas al ĉiuj kiuj helpis EASP dum la kuranta jaro nome: nia membraro, instruistoj, prelegintoj de kulturkunvenoj kaj de la kongreso, deĵorantoj en la sidejo, kunlaborantoj, reviziistoj kaj kompostisto de La Lampiro.

Specialan dankon al Lorena Esperanto-Klubo, kiu brile organizis la 3an Kongreson de Esperanto de Ŝtato San-Paŭlo.

Finante, ni deziras al vi FELIĈAN KRISTNASKON KAJ PROSPERAN NOVJARON.

La Redaktoro

KARA EASP-MEMBRO

Ne forgesu renovigi vian membrecon al EASP por 2009, same kiel al Brazila Esperanto-Ligo kaj Universala Esperanto-Asocio.

La esperanto-movado antaŭdankas vin pro via apogo.

**Grava sciigo**

Pro la jarfina libertempo, ne okazos deĵorado en la sidejo de EASP de la 22-a de decembro ĝis la 11-a de januaro.

# Libereco! Libereco!

**Stanislaw Ponte Preta**
*Tradukis: Aloísio Sartorato*
*Rio de Janeiro/RJ*

Promenante nuda tra la apartamento, li jam estis ekĝuanta la liberecon dum longe sonĝatan. Li eniris la banĉambron kaj metis la manon en la bankuvon por senti la akvan temperaturon. Ĝi estis varmeta, karesa kiel tualetsapa ŝaŭmo en televida anonco. Li fermis la kranon kaj malrapide enakviĝis en la bankuvon, plilongigante la plezuron. La akvo, pro tiu leĝo de Arkimedo, kiun multaj pensas nomiĝi "Eŭreka", komencis elverŝiĝi kaj malsekigis la plankon. Al la infero! Ĉio plene malsekiĝu, ĉar li estis sola hejme kaj povus fari kion ajn li volas.

Dio mia! Mi, fraŭlo – de-no-ve!

Li ĝoje ridetis kaj longe rigardis la propran umbilikon.

Kie povus esti tiu ĝenulino nun? Bone...li ne bezonis tro cerbumi: eble en la patrina hejmo – tiu kretena oldulino. Laŭrinjo en la kvereloj okazintaj dum tiu sesjara geedziĝa periodo ĉiam ofte rifuĝis en la patrina hejmo..

Sed kien ŝi iris ne estis motivo por maltrankvilo. Ha!... ĉi tiu kverelo ja estis la definitiva. Finfine sola! La viro, kiam edziĝas, havas du ĝojajn momentojn: en la unua nokto post la geedziĝo, kiam li ĉe la edzino karese murmuras "finfine, solaj" kaj en la unua nokto post la eksedziĝo, kiam li malŝarĝite murmuras "finfine, sola!"

Opiniante tiun penson tre filozofia, li denove interesiĝis pri sia umbiliko — muta, konstanta kaj ĉea atestanto de la geedziĝa vivo.

Kiom da ĝeno, he, amiko! — li demandis al la umbiliko, parolante laŭte kaj timigita pro la sono de sia propra voĉo. Hej! Tiel ni! Parolante sola, oni povus pensi ke li freneziĝas. Nu neniu alia estas tie por tiel opinii pri li. Kaj se iu tie estus, tiu jam delonge estus parolinta. Kaj li subite memoris, ke li neniam restis tiomlonge en la banĉambro kiel nun, ĉar en la tempo de Laŭrinjo li jam estus aŭdinta ŝian voĉon el la koridoro por lin ĝeni:

— Ĉu vi volas loĝi en la banĉambro, stultulo?

Subite li komencis fari planojn. Laŭrinjo definitive foriris — tio ja estis nedubinda. Li ordigos la apartamenton laŭ sia maniero. Li dungos privatan serviston; li ĉiam opiniis tion treege eleganta. Iu, kiu zorgos pri liaj vestaĵoj, societaj programoj ktp... — same kiel en tiu filmo de Jack Lemmon, kie la privata servisto interesiĝas eĉ pri la privataj manĝaĵoj de la mastro.

La umbiliko estas ŝvelinta — kia honto! Li nuntempe tro manĝas... Sed en tiu ĝena vivo ĉe Laŭrinjo, ĉu valorus maldikiĝi? Li dungos tre altkvalitan privatan serviston, el tiaj, kiuj fieras labori por eleganta mastro kiel li. Unue li mendos novajn kompletojn, organizos drinkŝrankon en la verando plenan je novaĵoj por akcepti la amikojn. Netimemaj fraŭlinoj el la kuirejo kunportos la manĝaĵojn. Ĉu povus ekzisti io pli bona?

Li eliris el la banĉambro kaj imagis sin ĉirkaŭita per vivkolora lanuga bantuko, surmetita de la privata servisto. Li trairis la koridoron, malsekigante la tapiŝon -kompatinda tapiŝo — kaj eniris la dormoĉambron. La lito povos esti la sama, sed plibonigita, pliantikvigita... plej antikveska meblo. Forigante la vestoŝrankon de

*(Daŭrigota sur paĝo 10)*

# Amo, stranga amo

**Rinaldo Brandão**
*El la portugala tradukis: Neide e Barros Rêgo*
*neidebarrosrego@terra.com.br*

Ŝi alvenis kapklinite, portante bukedon. Mi neniam ŝatis florojn, sed kun la tempo mi alkutimiĝis. Tempo faras ke ni alkutimiĝu al ĉio. Ŝi restis kelkajn momentojn stare, ankoraŭ kapklinite kaj enprofundiĝinta en silenton tiom densan, ke ĝi permesis vidi, tra ĝia nigra kurteno, ian timon, suspekteman timon, eble kulpan, pro io, kiun la parfumo de la floroj vane klopodis kaŝi. Ŝi fine sidiĝis, suspiris kaj levis la vizaĝon: ŝi havis la okulojn plenaj je larmoj, kiuj iom post iom ŝanĝis ŝian vizaĝon kun vojoj similaj al riveroj, nigraj riveroj kiuj glitis tra la fluejo arida, disa, serpentuma. Ŝiaj soifantaj lipoj atendis tiun inundon, kiu neniam venis; kiu ne sensoifigis tiun buŝon; kiu silentigis tempojn, sunojn, sentojn, vortojn enterigitaj vivantaj en neprodukteman grundon. Nenio naskiĝis, neniu susuro, nur silento. Ŝi prenis naztukon el la ĵaketa poŝo kaj sekigis siajn okulojn. Ŝi rigardis min ĉifoje tiel milde, ke mi opiniis ŝin pli bela ol tiam kiam ni disiĝis, antaŭ kvin jaroj.

Finfine, ŝi ridetis.

Ŝi donis al mi bonegajn informojn pri la geknaboj. Rakontis al mi ke Paŭleto jam frekventas sian prirevatan fakultaton de medicino kaj ke mia eta Lucinjo jam havis ĉion aranĝita por sia edziniĝo en la komenco de la jaro. Ŝi rakontis al mi pri multego da aferoj rilate al la geknaboj, sed mi ne povis bone aŭdi, ĉar ŝi parolis meze de larmoj, kiuj denove fontis el la okuloj de mia eterna amatino. Meze de kaŝitaj singultoj, ŝi konfesis ke ŝi sentis mian mankon kaj blasfemis kontraŭ la vivo premante inter la manoj la florojn, kiujn ŝi kunportis por mi Ŝi iom silentis kaj ploris kvazaŭ pro pento aŭ pro laco de tiu vivo vivata for de mi. Ŝi rakontis ke ŝi sentis sin treege sola. Paŭleto, nun en la universitato, pasigis malmulte da tempo hejme; Lucinjo edziniĝos en la komenco de la jaro. Ŝi ne tolerus solecon. Mi volis diri, ke mi ankaŭ sentis min tiel; estis maloftaj la vizitoj, kiujn mi ricevis: malmultaj amikoj, kelkaj familianoj, foje la infanoj, kaj ŝi, ĉiam ŝi. Ankaŭ mi estis tute sola. Sed mi diris nenion. Mi lasis ke ŝi ploru iomete... iom pli ol alifoje, sed, kiam ŝi rearanĝis sin, ŝi denove havis tiun unikan rideton, kiun neniu alia virino sukcesus montri. La blankan haŭton, la belegajn okulojn. Denove mia amatino, mia eterna kaj neforgesebla amatino. Ŝi rigardis min silente, kvazaŭ kompate. Mi volis riproĉi ŝin pro tio, sed ŝi estis pli rapida ol mia protesto kaj rekomencis paroli.

Ŝi demandis, ĉu mi memoras Markon. Kial mi ne memorus?

Li ĉiam vespermanĝis kun ni en semajnfinoj, la geknaboj adoris lin. Kompreneble, ke mi memoras lin. Li estis mia plej bona amiko, amiko de bilardo, de vesperfina biero en Leblon, laborkunulo...

Ili intencis amindumi.

Tie loĝis la kialo de tiu suspektinda kaj silenta konscienco-riproĉo, de tiu kapklinita kulpo, kiun la parfumo de la floroj provis kaŝi. Tie troviĝis la doloro de tiu plorado. Mi sentis ion, kiu ĝenis min, eble ĵaluzon, eble timon perdi ŝin porĉiame. Sed antaŭlonge ni disiĝis unu de la alia; ni ne plu suriras la saman vojon. Ni estas neeblaj unu por la alia. Ni jam estas disiĝintaj kiel frukto disiĝas de arbo kaj putras surgrunde.

*(Daŭrigota sur paĝo 20)*

# Esperantoparolanto kaj etnolingvano

**Geraldo Mattos***
*Curitiba/PR*
*www.gmverda.com.br*



Je la deksesa horo kaj tridek minutoj de la 10-a de Aŭgusto 2008, la fama kaj bonsukcesa TV-prezentisto Fausto Silva, eldiris kaj lingvostumblis en sia dimanĉa multhora programo:

Sempre é trempo, tempo...

Kaj mi profitas la okazon por insisti, ke traduko ne ĉiam devas transporti al alia lingvo la diraĵon de la unua, sed ĝian dirmanieron, eĉ se kun ioma sencoperdo. La supran mi verdigas malbone kaj bone:

Ĉiam estas trempo, tempo... [malbone: tradukita senco]

Nepre estas trempo, tempo... [bone: tradukita teksto]

La lingvoj havas kutimojn, kaj unu el ili estas la asimilo: jen parta, jen tuta identigo de unu silabo al alia, ebla en la sama vorto aŭ inter vortoj. Sed lingvoj estas virinoj, tiel belaj kiel ili, sed ankaŭ plurgustaj: apud la asimilo ekzistas la malasimilo, kiu malegaligas silabon de unu vorto pro alia antaŭa [perturbar > pertubar: perturbi]...

Supre, en la dua alineo, aperas progresiva [dekomenca] asimilo de la dua silabo de la vorto *sempre* al la unua silabo de la vorto *tempo* [sempre tempo > sempre trempo].

Unu tagon en la sesdekaj jaroj mi estis en la plena antaŭĉambro de la Sekretariejo pri Edukado de Paranao, kiam viro venis rekte al la funkciulino, kiu akceptis la vizitantojn, kaj diris al ŝi:

— Mi volas paroli al la Sekretario pri Edukado.

Demandite de ŝi, kiu li estas kaj kion li volas de ŝia dunginto, li aplombe diris, ke li estas ŝtata deputito, kaj aldonis emfaze [nun portugallingve]:

- Diga-lhe que eu quero *ponhar* meu filho no Colégio Estadual do Paraná. [Diru al li, ke mi volas *poni* mian infanon en la Ŝtatan Kolegion de Paranao.]

Fulma malvarmo trakuris la antaŭĉambron, kaj silente anoncis la malagrablan surprizon de la ĉeestantoj:

— Kiamaniere ŝtata deputito povas paroli tiel?

La popola brazila portugala lingvo faris tion saman, kion antaŭ ok jarcentoj faris la portugala popolo, tiam tirata de la infanoj, kiuj lasis nur 17 anomaliajn verbojn el la tiutempaj pli ol cento... La koncerna rimedo estas la analogio, kiu egalas al matematika inferenco [regulo pri tri: triregulo]:

Se el *eu sonho* [mi sonĝas] estas farata *sonhar* [sonĝi],

el eu *ponho* [mi metas] nepre estas farata *ponhar* [meti].

La analogio respondas en Esperanto pri la barbaraj participoj -*unta* kaj -*uta*, kies formojn eĉ lernolibroj prezentas. Nur de tio, ke mi estas participomaniulo, mi volas pruvi mian aserton per la sola senco de la estanta participo:

Lulanta patrino laciĝas [Patrino, kiu lulas, laciĝas / -anta = kiu -as].

Lulanta patrino laciĝis [Patrino, kiu lulis, laciĝis / -anta = kiu -is].

Lulanta patrino laciĝos [Patrino, kiu lulos,

laciĝos / -anta = kiu -os].

Lulanta patrino laciĝus [Patrino, kiu lulus, laciĝus / -anta = kiu -us].

Lulata bebo ripozas [Bebo, kiun ŝi lulas, ripozas / -ata = kiun ŝi -as].

Lulata bebo ripozis [Bebo, kiun ŝi lulis, ripozis / -ata = kiun ŝi -is].

Lulata bebo ripozos [Bebo, kiun ŝi lulos, ripozos / -ata = kiun ŝi -os].

Lulata bebo ripozus [Bebo, kiun ŝi lulus, ripozus / -ata = kiun ŝi -us].

La kvara kaj oka linioj kun subjektaj [aktivaj] kaj objektaj [pasivaj] participoj argumentas en mia favoro, ĉar ili estas nur adjektivoj, kaj kondutas kiel tiaj:

— Bela kaj riĉa, ŝi havus malfermitaj ĉiujn pordojn... [Se ŝi estus bela kaj riĉa, ŝi havus malfermitaj ĉiujn pordojn.]

Kaj min konsternas, ke ĝis nun la plejmulto egaligas la participojn al tiuj adjektivaj propozicioj kun la sekvo de monstraj missencoj... Kaj nun al la pravojo!...

La granda kontrasto estas tio, ke esperantoparolanto kaj etnolingvano bone mastras siajn lingvojn, sed ilia kono venas de diferencaj metodoj: dum la absoluta plejmulto de la verduloj lernas Esperanton kiel duan lingvon, la absoluta plejmulto de etnolingvanoj lernas siajn lingvojn per la universala maniero aŭdi, vidi kaj malkovri la sencon.

La etnolingva lernado estas natura fenomeno, kiu trairas ĉi tiujn sinsekvajn procedurojn:

1 Asociado, en kiu homoj kaj bestoj interligas aŭdaĵon kaj vidaĵon, kiujn ili parkeras: *prenu la pilkon*.

2 Komparado, en kiu infanoj kaj adoltoj interligas egalajn partojn de diferencaj aŭdaĵoj kaj vidaĵoj kaj venas al tekstoanalizo: *prenu la pilkon / prenu la pupon.*

3 Ampleksado, en kiu infanoj kaj adoltoj asocias kaj komparas por nuligi la diferencojn inter nesinonimoj: *prenu la ludilon* [prenu la pilkon / prenu la pupon].

Tiaj proceduroj validas por infanoj en etnolingva familio kaj por homo mergita en alilingva medio. Ili ne pensas pri la gramatiko de siaj lingvoj, ordinare misfarita, ĉar ĉiu el ili lernas per malkovro, ne per akcepto: ili do neniam eraras, sed evidente povas trompiĝi pro cerba kurtcirkvito. Diference la esperantoparolantoj estas instruataj kaj akceptas tion, kion ili ricevas, sed la tuta instruo estas bazata sur gramatiko, kiu ne spegulas la ĝustan esencon de la lingvo. Kiam ni ne malkovras, sed akceptas ion pretan, ne ĉiam la instruo fariĝas lerno, kaj neniam perfekte asimilita, kaj plej ofte tia stato favoras la intervenon de la unua lingvo de la lernanto. Tio validas eĉ por niaj denaskuloj, ĉar ili ordinare lernis la lingvon de nedenaskaj gepatroj. Tia instruo klarigas la abundajn erarojn de la participoj, kiujn la Fundamenta Gramatiko kaj poste ĉiuj lernolibroj prezentas kiel verboformojn, kiuj ili tute ne estas. Ĝi tamen avertas nin kontraŭ la ambigueco de la etnolingvoj en la fino de la 6-a regulo:

Ex.: ŝi estas amata de ĉiuj – elle est aimée de tous (part. prés.: la chose se fait).

La pordo estas fermita — la porte est fermée (part. pas.: la chose a été faite).

Estas evidenta la dusenceco de la hindeŭropaj participoj:

aim**ée**: am**ata**.

ferm**ée**: ferm**ita**.

Estas **tratempaj** verboj [ami, akompani, bedaŭri], uzataj nur kun la estantaj participoj -*anta* kaj -*ata* [la estintaj ĉiam indikus la ĉeson de la stato], kaj **transtempaj** verboj [akiri, bindi, fermi], plej ofte uzataj kun la estintaj participoj -*inta* kaj -*ita* [la estantaj ĉiam indikus la disvolvon de la ago].

Ilin ni facile distingas per tio, ke la tratempaj indikas staton, kies fino kaj interrompo havigas la saman rezulton, dum la transtempaj indikas

(Daŭrigota sur p. 8)

# La viro kaj la virino

**Victor Hugo**
***Tradukis: Osvaldo Pires de Holanda***
***São Paulo/SP***

La viro estas la plej elstara inter la kreitaĵoj; la virino la plej sublima idealo; Dio distinis al la viro tronon, al virino altaron. Trono ekzaltas, altaro sanktigas.

La viro estas genio; la virino estas anĝelo. La genio estas nemezurebla; la anĝelo nedifinebla.

La aspiro de la viro estas superega gloro; la virina aspiro estas ekstrema virto; la gloro simbolas grandecon; la virto la diecon; la viro havas la superregadon; la virino la preferon; la superregado signifas forton; la prefero reprezentas la rajton.

La viro estas forta per la prudento. La virino nevenkebla per la larmoj, la prudento konvinkas, sed la larmoj kortuŝas.

La viro estas kapabla je ĉiuj heroecoj; la virino je ĉiuj martirigoj. La heroeco nobligas; la martirigo sanktigas.

La viro estas la kodo; la virino Evangelio. La kodo korektas; la Evangelio perfektigas.

La viro estas templo; la virino tabernaklo. Antaŭ la templo ni demetas la ĉapelon; antaŭ la tabernaklo ni genufleksas.

La viro pensas, la virino revas. Pensi estas havi larvon en la cerbo; revi glorkronon sur la frunto.

La viro estas oceano; la virino lago.

La oceano enhavas la perlon kiu ornamas; la lago la poezio kiu ekblindigas.

La viro estas aglo kiu flugas; la virino najtingalo kiu kantas. Flugi estas konkeri la spacon; kanti estas konkeri la animon.

La viro estas lumilo, nomata konscienco; la virino stelo, kiu signifas la esperon. La lumigilo gvidas, la stelo savas.

Finfine, la viro estas kie finiĝas la Tero; la virino kie komenciĝas la ĉielo.

## Esperantoparolanto kaj etnolingvano *(daŭrigo de la paĝo 7)*

agon, kies fino kaj interrompo produktas malsamajn rezultojn, ĉar la fino transformas la agon en staton, dum la interrompo redonas la staton, kiu ekzistis antaŭ la komenco de la respektiva ago.

Mi konkludas, ke la distingo inter etnolingvanoj kaj esperantoparolantoj estas vere drasta:

Etnolingvano sin gvidas per la kutimo, kiun lingvistoj nomas normo: la lerno estas malkovro, kiu estas meminiciato.

Esperantoparolanto sin gvidas per libroj kaj instruistoj: la lerno estas akcepto, kiu lasas la akceptinton ŝuldanta kaj dependanta.

*Doktoro pri Portugala Lingvo kaj Membro de la Akademio de Esperanto ekde 1970

Rua Rio Jutai, 306 Atuba
BR 82840-420 Curitiba PR
55 41 3367 9706 fonofaksilo
geraldomattos@netpar.com.br

# La imperiestro de la portugala lingvo



**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*

Malofte okazas, ke verkisto estas entuziasme rememorata cent jarojn post sia morto. Ĉi-jare, en Brazilo, oni rememoras, per multaj artikoloj, ekspozicioj kaj omaĝoj, centjariĝon de la forpaso de nia plej alta beletristo – Machado de Assis. Je kurioza koincido, oni samjare celebras la centjariĝon de naskiĝo de nia alia grandegulo: João Guimarães Rosa. Temas do pri grava jaro por la historio de nia literaturo.

Sed kiam verkisto estas entuziasme rememorata kvarcent jarojn post sia morto, kun miro kaj admiro flanke de ĉiuj seriozaj amantoj de nia kara portugala lingvo – tiam ni staras antaŭ vere eksterordinara fenomeno. Mi tamen supozas, ke nia omaĝado al tia geniulo ne atingas la meritatan grandiozecon: temas pri la tiel nomata "Imperiestro de la Portugala Lingvo", Pastro Antonio Vieira.

Liaj vivo kaj verkaro estas ĉiuflanke mirindaj. Pastro Vieira naskiĝis en Lisbono, Portugalujo, en 1608, kaj famiĝis siatempe kiel eminenta oratoro, reĝa konsilanto, religia sincera misiisto kaj ĉefe kiel pinta stilisto. Li mortis en ŝtato Bahia, en Brazilo, en 1697. Li estis tre inteligenta knabo kaj ankoraŭ tre juna li novicis kiel jezuito kaj tuj veturis Brazilon por evangeliigado de indianoj kaj negroj. En nia lando li lernis la tupian-gvaranian lingvon kaj la kimbundan, de afrikaj sklavoj. Li eminente posedis la latinan, kaj oni komisiis al li la redaktadon de oficialaj registaraj dokumentoj. Li instruis retorikon, studis Teologion kaj Filozofion. Dum sia agado ĉe indianoj, li elvolvis profundajn ideojn pri sociaj problemoj. En Eŭropo li ravis intelektulajn aŭskultantarojn per sia brila oratorarto. Li kontraŭbatalis la persekutadon de judoj kaj la kruelaĵojn de Inkvizicio. Kiel diplomato, li intense defendis la interesojn de sia patrolando en Italio, Nederlando kaj Francio. Kiel misiisto, li defendis la indianojn kaj negrojn kontraŭ la ekspluatado de blankuloj. Pro siaj avangardaj politikaj, sociaj kaj religiaj ideoj, li estis mem arestita de Inkvizicio, en Portugalujo, kaj multe suferis pro tio. Oni krude atakis lin per kalumnioj kaj intrigoj, tiel ke li definitive revenis Brazilon, kie li pasigis la lastajn jarojn de sia vivo.

Plej famaj kaj nepre legindaj verkoj de Vieira estas la predikoj. Ne nur pro la enhavo de liaj religiaj ideoj, absolute viglaj kaj pensinstigaj, sed ĉefe pro la stilo eleganta, flua, detale baroka kaj kolorplena, propra por oratorado. Tamen, ne nur religiajn tekstojn li produktis, sed ankaŭ eseojn kaj vastan korespondadon. Celebre al la grandega verkisto, ĵus publikiĝis en Brazilo volumo de liaj leteroj, kiuj formas riĉan bildon pri la historia epoko. Multaj modernaj aŭtoroj konfesas, ke ili sin lasis influi de la unika stilo de Pastro Vieira – interalie la Nobelpremiito José Saramago, kiu cetere konfesas sin ateisto!

Por stimuli nian Esperantistan portugallingvan leganton nepre viziti la belegajn tekstojn de Pastro Vieira, ni riskas prezenti kelkajn el liaj plej konataj paragrafoj en Esperanta vesto:

El la fama "Prediko de Sankta Antono":

"Vi estas la salo de la tero, diris Kristo, nia Sinjoro, kiam li parolis al predikantoj: kaj li nomas ilin salo de la tero, ĉar li volas, ke ili faru sur la tero tion, kion faras la salo. La rezulto de salo estas eviti korupton; sed kiam la tero troviĝas tiel koruptita kiel nia, kaj tamen staras sur ĝi tiom da homoj kun ofico de salo, tiam kiu estas, aŭ kiu povas esti la kaŭzo

*(Daŭras sekvapaĝe)*

de tia korupteco? Aŭ tio estas, ke la salo ne saligas, aŭ ke la tero ne akceptas saliĝon. Aŭ tio estas, ke la salo ne saligas, kaj la predikantoj ne predikas la veran doktrinon; aŭ, ke la tero ne akceptas saliĝon, kaj la aŭskultantoj, eĉ se vera estas la doktrino al ili donata, ne emas ĝin akcepti. Aŭ tio estas, ke la salo ne saligas, kaj la predikantoj diras unu aferon kaj faras alian; aŭ tio estas, ke la tero ne akceptas saliĝon, kaj la aŭskultantoj preferas imiti tion, kion ili faras, anstataŭ fari tion, kion ili diras. Aŭ tio estas, ke la salo ne saligas, kaj la predikantoj predikas per si mem, kaj ne per Kristo; aŭ tio estas, ke la tero ne akceptas saliĝon, kaj la aŭskultantoj, anstataŭ servi Kriston, servas siajn apetitojn. Ĉu ne vere, entute? Bedaŭrinde!"

El la same fama "Prediko de la Sesdeka", en 1655:

"Ecce exiit qui seminat, seminare. Kristo diras, ke "evangeliisto eliris por semi" la dian vorton. Ĉi tiu teksto ja aspektas kiel el la Diaj libroj. Ĝi ne nur aludas semadon, sed ankaŭ mencias eliron: Exiit, ĉar kiam venos la tago de rikoltado, oni mezuros la semadon kaj oni kalkulos la paŝojn. La Mondo, al vi, kiuj plugas en ĝi, ne redonas tion, kion vi elspezas, nek pagas al vi por via irado. Ne tiel agas Dio. Al tiu, kiu plugas kun Dio, eĉ elirado estas semado, ĉar ankaŭ de paŝado li rikoltas frukton. Inter semantoj de Evangelio, ekzistas unuj, kiuj eliras por semi, ekzistas aliaj, kiuj semas sen eliro. Kiuj eliras por semi estas tiuj, kiuj iras predikadi en Hindujo, Ĉinujo, Japanujo; kiuj semas sen eliro, tiuj kontentiĝas je predikado en la Patrolando. Ĉiuj pravas, sed ĉio havas sian valoron. Al tiuj, kiuj semas hejme, oni pagos por ilia semado; al tiuj, kiuj tiel malproksimen iras por semado, oni mezuros ilian semadon kaj oni kalkulos iliajn paŝojn. Ha! Tago de Juĝado! Ha! Predikantoj! Vi, kiuj restas ĉi tie, disponos je pli da palacoj; tiuj, kiuj iras for, je pli da paŝoj: Exiit seminare."

Post kvarcent jaroj, estas oportune (re)legi la eminentajn tekstojn de la genia Vieira. Ili ja ankoraŭ sonas ege aktualaj!

## Libereco! Libereco! *(Daŭrigo p. 4)*

Laŭrinjo, li povos meti tien beletan skribotablon kun diversaj viraj objektoj: pipo, binoklo ktp.

Li finsekiĝis kaj ĵetis la bantukon sur la liton. Pro kondiĉita reflekso li jam estis prenonta la tualettukon por ĝin pendigi, kiel li ĉiam faris, sed haltigis sin: li devos alkutimiĝi esti priservata. Baldaŭ li havos servistojn por fari la ĝenajn aferojn, kiujn li estis devigata fari en la tempo de Laŭrinjo.

Ĉi-nokte li ne vespermanĝos hejme: li iros al iu eleganta restoracio. Eble poste li iros al kelkaj noktaj kluboj, flirtos kun iu ajn riĉulino. Ne nur flirti, sed eble inviti ŝin al sia apartamento por... — ĉar kompreneble li ja devos komenci novan vivon. La vivo, kiun li meritas.

Ridetante, li marŝis ĝis la vizitĉambro kaj, fajfante "These Foolish Things", li estis preparanta drinkaĵon, kiam subite la pordosonorilo eksonis — akresona, malsimpatia sonorilo, kiun li nepre ŝanĝos per alia pli belsona, kiu faros "bim bom", li pensis.

Li finpreparis la drinkaĵon kaj fermis la kristalan botelon. La sonorilo denove eksonis. Li marŝis trankvile al la pordo por kontroli kiu eksonigis. Ploreme, humile, milde jen Laŭrinjo, kiu demandas al li:

— Ĉu mi povas eniri, karulo?

Bone... "kiu naskiĝis ĉevalo nepre mortos paŝtiĝante".

— Eniru tuj!

Kaj li pensis: almenaŭ provizore dum la venontaj dudek kvar horoj ŝi ne estos tiom ĝena!

Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 6 – Nº 19 – 2008

# 3º Congresso de Esperanto do Estado de São Paulo



Cerca de 100 pessoas, de várias cidades e estados brasileiros, participaram do 3º Congresso Paulista de Esperanto que ocorreu em Lorena entre os dias 10 e 12 de outubro 2008. O Tema principal do congresso "Ano Internacional das Línguas" foi apresentado na abertura solene, pelo Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Prof. José Passini, e discutido publicamente no último dia do congresso. O evento foi organizado pela Associação Paulista de Esperanto em parceria com o Clube de Esperanto de Lorena, que recebeu valioso apoio cultural e estrutural da Casa de Cultura de Lorena e da Diocese local. Ao todo foram apresentadas 13 palestras de alto nível sobre variados temas. Como parte da programação ocorreram também duas sessões de introdução ao estudo do idioma Esperanto e duas demonstrações sobre o uso da tradicional máquina de calcular chinesa, popularmente conhecida como ábaco. Além das apresentações artísticas - declamação, piano, violino, violões clássico e popular - a cultura esteve presente no serviço de venda de livros, inclusive com dois lançamentos: um livro para crianças e uma antologia de contos de Machado de Assis. Após visitar o monumento em homenagem ao criador do Esperanto, em uma praça próxima, os congressistas foram a um restaurante, onde aconteceu o almoço fraternal de despedida. O próximo Congresso Paulista de Esperanto acontecerá em São Carlos, em data a ser divulgada.





Fotoj: Frncisco Wechsler

# Por que razão nem todos gostam que o esperanto seja a única língua de trabalho da UE?

**"Um quinta da população está sempre contra tudo." — Robert Kennedy**

Há muitos políticos da UE que se opõem ao uso do Esperanto. Suponho que o vêem como uma ameaça à vida bem paga que levam. Decidir que o Esperanto venha a ser a língua de trabalho da União, implicaria que eles teriam de o aprender, e para tal falta-lhes tempo ou vontade. Porque se não aprenderem a língua arriscam-se a ser substituídos por outros concidadãos. Estou em crer que a proposta de adotar o Esperanto nunca virá a conseguir a votação de uma maioria no Parlamento Europeu. A proposta tem de ser feita no Conselho Europeu ou no Conselho de Ministros, ou em ambos, isto como exigência da parte de vários países já membros e de outros futuros.

Um outro grupo que se opõe ao Esperanto é formado por alguns intérpretes, tradutores, professores de línguas, e outros que investiram vários anos das suas vidas na aprendizagem de uma língua a ponto de poderem viver desse conhecimento. Muitos lingüistas (embora longe de serem todos) vêem no Esperanto uma ameaça, ameaça de desemprego ou de passar a ganhar muito menos. Quero sublinhar que, para pessoas com bons conhecimentos de idiomas, aprender Esperanto é rápido, e a necessidade de professores da língua será muito grande. Durante um período de vários anos de transição serão necessários intérpretes e tradutores que saibam Esperanto. Além de que a necessidade de professores e tradutores irá continuar.

Há muitos professores e outras pessoas ligadas ao ensino de línguas que são partidárias do Esperanto.

São os peritos que sabem melhor?

Mas quem trabalha como tradutor, intérprete e professor, são os que podem pronunciar-se sobre línguas. Não devemos então dar-lhes ouvidos? Melhor do que quaisquer outros, não saberão eles ver as vantagens de na UE e na ONU usarem um idioma internacional como o Esperanto?

### Os números são internacionais

Bem, devia ser assim, mas a experiência diz-nos que, com freqüência, são justamente os peritos que mais tenazmente se opõem a mudanças que possam afetá-los. Os exemplos são inúmeros. Um deles é o sistema numérico de hoje, 0, 1, 2, 3, 4 … isto é, o sistema decimal que foi criado na Índia há 1700 anos. Quando ele, por intermédio dos árabes, chegou à Europa Medieval, que reação causou? Os matemáticos da época receberam-no, gratos, de braços abertos? De modo algum. Quando naquele tempo, na Europa, se faziam cálculos, era por meio de operações complicadas com a tábua de números, e para saber multiplicar era preciso ter formação universitária. A oposição contra o novo sistema decimal durou bastante e foi forte, isto porque a arte de calcular era pertença de uma pequena elite, e a idéia de que o povo tivesse acesso a esta nobre arte foi vista como uma verdadeira ameaça. Todos nós sabemos quem ganhou. Esta vitória não foi apenas uma vitória para a matemática. Foi ainda, com o decorrer do tempo, uma vitória para a democracia e a igualdade. Até agora, os números são o único idioma internacional que temos. Pode-se ler mais sobre isto na

obra de George Ifrah "The Universal History of Numbers: From Prehistory to the Invention of the Computer".

Entre os esperantistas existe uma minoria que se opõe a que o idioma seja o idioma comum de trabalho da UE e da ONU. Quer essa gente que o Esperanto passe a ser a língua secreta de um grupinho eleito?

### Com receio de tudo o que seja novo

Ainda temos outro grupo: aquelas pessoas que sentem medo de tudo o que é novo e estrangeiro. Mas de um modo geral estou convencido de que, tão depressa reconheçam as vantagens, elas aceitarão o Esperanto. Isto porque o Esperanto será uma proteção para todas as línguas nacionais, inclusive o inglês. É justo defender o seu próprio idioma, a sua cultura, mas isso não impede que se compreenda que os outros queiram fazer o mesmo. Todos nós temos uma História a preservar e honrar.



Há muita gente que se sente segura no seu cantinho do mundo, segura atrás de barreiras de línguas. Talvez sintam medo de que os seus países se encham de refugiados e imigrantes. Mas isto são duas questões distintas. Quer se escolha Esperanto ou não, a política de um país quanto a refugiados e imigração, é decidida por quem está no poder, não pelos próprios refugiados. Num mundo onde muita gente sabe Esperanto, muitas das causas do problema mundial de refugiados acabarão por diminuir ou desaparecer.

### A troca de ideias é favorecida

Empresas de exportação do mundo anglo-saxónico têm vantagens na concorrência devido à posição dominante do inglês. Muitas delas farão tudo para impedirem o Esperanto. Isto não é sensato, sobretudo dá prova de vistas curtas, porque a longo prazo o Esperanto fomentará o comércio mundial, bem como a troca de idéias entre países. Todos nós ganharemos com isso. Pobres e ricos. A economia mundial não é como um bolo que fica reduzido para alguns se alguém tirar uma fatia maior. Todos podem ter fatias maiores.

Em alguns países totalitários o Esperanto será, em vão, reprimido, porque com uma língua comum, internacional e de fácil aprendizagem, é muito mais difícil a um governo enganar o povo, coisa que agora podem fazer porque há barreiras de línguas.

Graças a esse novo idioma internacional, espalhar-se-ão pelo mundo e, no futuro, torná-lo-ão mais seguro e com menos sofrimento, os seguintes princípios: o respeito devido ao homem mais insignificante, liberdade de expressão, democracia, os direitos evidentes da mulher, liberdade econômica, a destrutividade da corrupção, e ainda o teor da Declaração dos Direitos do Homem, estabelecida pela ONU.

Através do Esperanto toda a gente poderá estar a par dos conhecimentos do homem, dos debates econômicos e políticos do mundo. Quanto mais bem informado está um indivíduo, menor é o risco de que ele se torne um fanático. Nenhum regime conseguirá impedir que uns quantos cidadãos, desejosos de aprender, estudem eles próprios o Esperanto, talvez até ouvindo cursos radiofônicos de outros países, ou ainda por meio de gramáticas passadas como contrabando, tão fácil de aprender é esta língua. Conhecer línguas abre caminho para a democracia. Na história

*(Continua na página 5)*

# O Esperanto é adequado para a expressão jurídica

**Claude Piron (1931 - 2008)**

Segundo a União Européia o principal defeito do esperanto é a sua imprecisão. Pelo menos assim parece, segundo o novo sítio-nete das línguas da UE, que constata que «palavras sem ligação à história ou à cultura viva não são suficientemente precisas para fins jurídicos”. Pela sua própria experiência, Claude Piron - que trabalhou como tradutor nas Nações Unidas - é de opinião que o esperanto é melhor meio de veiculação de assuntos jurídicos do que as atuais línguas nacionais - mas que de fato serão necessárias algumas décadas para que a tradição se complete e se afirme.

Será o esperanto suficientemente preciso para fins jurídicos? Em minha opinião sim, tanto quanto outras línguas. Eu, de vez em quando traduzi ou controlei traduções em esperanto de textos jurídicos (por exemplo, há alguns anos, um projeto de lei belga sobre um imposto especial, algo semelhante à taxa Tobin) (1) e nunca me deparei com qualquer falha básica ou essencial da língua. Podem faltar termos, mas eles são facilmente criáveis quando há uma definição adequada. Se a União Européia ou as Nações Unidas optarem pelo esperanto, um banco de termos rapidamente será criado, se desenvolverá, e funcionará perfeitamente. A longo prazo, portanto, o esperanto serve perfeitamente como língua jurídica. O esperanto tem muitos traços linguísticos do latim que o tornam tão adequado aos assuntos jurídicos, como aquele o foi no seu tempo.

Participei na tradução para esperanto da Carta das Nações Unidas e de outros documentos básicos, como a Convenção para os Direitos da Criança. Houve problemas de tradução, mas não mais, provavelmente menos, do que em muitas outras línguas. Geralmente a tradução para esperanto levanta menos problemas sérios do que a tradução para francês, porque a sintaxe do esperanto é mais flexível e o sistema de formação de palavras ajuda, com freqüência, a resolver o problema de forma elegante, quando a língua francesa apenas o pode rodear pelo recurso à multiplicação de palavras.

As diversas tradições jurídicas diferem muito umas das outras, e é freqüente não ser possível exprimir, numa língua definida, conceitos jurídicos que se desenvolveram noutra tradição jurídica. Quando estive na ONU, trabalhei com um jurista chinês nalguns textos e posso garantir que o esperanto é mais adequado para o direito ocidental do que o chinês, que é língua oficial em muitas organizações. Não me recordo agora que tipo de problemas levantava o direito chinês. Talvez em relação a ele, o esperanto fosse menos adequado.

As diferenças entre o direito anglo-saxão e o romano são enormes, e para o tradutor, principalmente quando trabalhei na ONU, isso tornava-se verdadeiramente incomodativo. Estas diferenças complicam o trabalho, tanto mais quanto a língua inglesa tende a evocar, e a francesa a definir. Por isso, freqüentemente, em textos jurídicos de língua inglesa, o conceito em vez de estar definido está identificado por uma série de palavras, algumas das quais sinônimos perfeitos. O que se segue não é um exemplo verdadeiro, mas com freqüência parece-me que a língua jurídica inglesa funciona deste modo. Em vez de dizer “Quem quer que tenha comprado as

